# LA ESPERANTA VORTARO

Serĉante por sia unua vortaro la plej komunajn vortradikojn en la romanaj kaj ĝermanaj lingvoj, Zamenhof fakte elektis tiamaniere la plej disvastigitajn modernajn formojn de la antikvaj hind-eŭropaj radikoj.
Ĉiu radiko devene estas hindo-eŭropa, sed ĝin oni povas nomi romana aŭ ĝermana laŭ tio, ke oni trovas ĝian nunan formon en la romanaj aŭ la ĝermanaj lingvogrupoj, ekzemple *frat, Bruder, brother*.

Tamen pro la reciproka interpenetrado de la lingvoj ofte okazis, ke romana radikformo envenis en ĝermanajn lingvojn kaj vivas en ili eĉ flanke de pli malnova ĝermana formo, ekzemple *Fraternität* kaj *fraternity* flanke de *Bruder* kaj *brother*. Tiam kompreneble la romana formo estas la plej disvastigita, kaj tial ĝin elektis Zamenhof, ekzemple frato. Reciproke ankaŭ okazis kelkafoje la kontraŭo.
Kiam por la sama ideo la romanaj kaj la ĝermanaj lingvoj uzas tute malsimilajn formojn de tute malsamaj radikoj, ekzemple *an* kaj *jar*, Zamenhof elektis la formon la plej klaran kaj nekonfuzeblan: *jar*. *Jar* estas formo konservata en preskaŭ ĉiuj ĝermanaj lingvoj, dum *an* jam ekzistas en Esperanto kun speciala sufiksa senco. *Hund* estis elektita, ĉar *kan* jam ricevis alian sencon en Esperanto.
Se oni trarigardas verkon kiel la Universalan Vortaron de Zamenhof, oni vidas, ke la plej granda nombro de la radikformoj, elektitaj por Esperanto, ekzistas samtempe en diversaj vortoj de preskaŭ ĉiuj romanaj kaj ĝermanaj lingvoj kaj eĉ ofte de la slavaj.
Absolute internaciaj kaj nun uzataj ne nur en ĉiuj modernaj hind-eŭropaj lingvoj, sed eĉ ofte ankaŭ en kelkaj modernaj lingvoj kiuj apartenas al aliaj lingvofamilioj, estas la gravaj sciencaj kaj teknikaj vortoj formitaj per grekaj radikoj, ekzemple *telegraf, tragedi, psikologi*, kaj kelkaj ne-hind-eŭropaj radikoj ĉie uzataj kiel *kabal, ĥerub, jubile, sabat* el la hebrea lingvo; a*dmiral, alkohol, baza, sirop* el la araba lingvo; *te* el la ĉina; *tabak* el amerika lingvo, ktp.
Pri tiuj vortoj aludas Zamenhof en la 15-a regulo de sia unua gramatiko nomante ilin "fremdaj vortoj".
La gramatiko de Esperanto venas ankaŭ entute el hindeŭropa fonto kaj estas la rezultato de studado kaj simpligo de la gramatiko de la modernaj eŭropaj lingvoj.
La historio de Esperanto do ne komenciĝas per si mem, sed jam per la historio de siaj prapatroj. La radikoj de nia vortaro alportis kun si en la novan lingvon la forton kaj la intereson de sia longa antaŭa historio tra la dialektoj de la ariaj gentoj.
Resume estas utile memori, ke la vortaro kaj gramatiko de Esperanto estas eltiritaj el la hind-eŭropa fundamento, tia kia ĝi ankoraŭ aperas en la modernaj lingvoj de la romana, ĝermana kaj slava grupoj. Esperanto estas la komuna lingvo de la modernaj ariaj gentoj de la Okcidento, kaj pri tio kompreneble speciale facila por ili. Tamen la homoj apartenantaj al neariaj gentoj ankaŭ facile lernas ĝin pro ĝia rimarkinda simpleco kompare kun la ofte granda malfacileco de siaj propraj lingvo.

D-ro Edmond Privat,
Historio de la lingvo Esperanto, Dua Eldono, 1923





# En Flandraj Kampoj




**Neniu poemo el la Unua Mondmilito estas tiel konata kiel ‘In Flanders Fields’ de la Kanada armeokuracisto John McCrae.**

**Afliktita de la hororo de la milito li verkis ĝin je la 3a de majo 1915 ĉe sia flegejo inter Ieper kaj Boezinge.**

La bruĝa aŭtoro Herwig Verleyen prilumas en tiu ĉi bone dokumentita eldono la vivrakonton de John McCrae kaj la estiĝohistorion de ‘In Flanders Fields’.

Li klarigas kiamaniere la poemo evoluis ĝis mondvasta simbolo de ofero kaj batalo por la paco kaj kiamaniere la papavo (poppy), nomita en la poemo, fariĝis la simbolo de ĉiuj pereintoj.

Finfine la leganto konatiĝas kun tio, kio en Flandrio kaj ankaŭ eksterlande memorigas je John McCrae kaj lia poemo.

Amplekso: 68 paĝoj
Prezo 9,95 eŭroj + afranko
Aŭtoro Herwig Verleyen
Aperis 2015

## Tre bonvena verko, sed ...

Pri la unua mondmilito en Nederlando relative malofte ion oni aŭdas aŭ legas. Nia tiuepoke eble plej fama aŭtoro, Louis Couperus, el la urbo, kie en Germanio li esperis fari brilajn raportaĵojn pri la heroa militado por sia haga taggazeto, verkis pri ĝi iom nostalgie kaj kun seniluziiĝo. Post nelonge li reiris hejmen, al Hago.

Tamen la Granda Milito, kiel prave oni titolis ĝin plurlingve, meritas pli da atento. Tial do estas tre bonvene, ke aperis In Flanders Fields de Herwig Verleyen el Bruĝo, kiu en Toronto fariĝis doktoro honoris causa pro sia multjara dediĉo konigi la verkon kaj vivon de John McCrae en Flandrio. Prave oni donis pro ĉi tiu In Flanders Fields al li la premion de la Asocio de Flandra-Naciaj aŭtoroj.

En la libro troveblas, laŭ mi, ĉio, kion en tia libro oni povas serĉi: la familio de John McCrae, ambaŭ gepatroj (la patrino eĉ legis latine kaj greke!), liaj gefratoj, la familia heredaĵo: estis tradicia tiufamilie la devo servi la patrolandon, sin dediĉi al la apuduloj kaj okupiĝi pri poezio. Ĉiuj tri fadenoj en John kuniĝis: li fariĝis militisto – kun ĉiam pli altaj rangoj, kuracisto – ankaŭ ĉiam pli altrange, kaj poeto, finfine internacie fama, eĉ se nur pro unu poemo.

### Militaj spertoj

Liaj unuaj militistaj travivaĵoj, 1899-1901, estis en la milito inter la brita kolonia imperio kaj la sendependiĝemaj buroj. Pro la granda impreso, kiun multloke vekis la prezidanto de la buroj, Paul Krüger – en sia bonvolveka migrado laŭ Eŭropaj kortoj kaj parlamentoj –, kaj pro la relative multaj gazetaj raportaĵoj pri la britaj unuaj koncentrejoj de la mondo, multaj homoj en Eŭropo certe spertis tiun militon multe malpli favore ol John McCrae, kiu vivis la britan flankon. Poste en Montrealo John McCrae rapide avancis kiel kuracisto, laboris pri aŭtopsioj, pri patologio, pri kontaĝaj malsanoj – instruis, verkis studlibrojn ktp. Ankaŭ poemojn fojfoje li aperigis.

En 1914 sekvis Flandrio. La germanaj trupoj, kontraŭe al ĉiu militjuro, ekuzis venengason: la linioj ambaŭflanke apenaŭ milimetrojn moviĝis. Mortis milionoj da homoj. Terura buĉado – John McCrae prizorgis vunditojn, akompanis mortantojn. Tiutempe li verkis sian plej faman poemon In Flanders Fields. Manskribaĵon en la libro oni vidas.

Verleyen detaleme provas montri la ekzaktajn datojn kaj ankaŭ tion, kio plejfunde instigis lin al la verkado ĝuste tiumomente. Post tio li rezonas, kiuj ecoj de la poemo kaŭzis, ke ĝuste ĉi tiu fariĝis la blazona poemo pri la unua mondmilito.

### La poemo mem

Kelkaj etaj ĉapitroj montras la postan historion: malsaniĝo de John McCrae kaj morto. Tiam venas pluraj reagaj poemoj al ĉi In Flanders Fields en la angla, plus kelkaj tradukoj en Esperanton.

La dua parto de la libro enhavas plurajn „Rememorojn” pri la aŭtoro kaj la poemo. La tuton sufiĉe trafe ilustras diversaj fotoj. Entute tre inda libro pri fame konata poemo, kiu pripensigas pezajn momentojn el nia homa historio.

### Tamena bedaŭro

Pri la traduko kelkfoje mi ne povas fieri: eble plej ĝene estas, ke por la angla *larks* oni prenas, eble pro sonimito, la vorton „lariksoj”, sed, kiel sciate, tiaj arboj ne flugas. Ankaŭ enestas kelkaj aliaj lingvaj eraretoj, „preĝejo” (konstruaĵo) por „eklezio” (institucio), „presbitera” („presbitero” estas homo; vidu PIV) por „presbiteriana”, fojfoje „lia”, kie konvenus „sia”, sed, kutime, la eraretoj ne donas kialon miskompreni.

Tamen, la tradukinton mi dankas, ĉar li havigis al nia publiko valoran atestaĵon pri inda poemo pri tiu terura unua mondmilito.

Gerrit BERVELING

*Herwig Verleyen: In Flanders Fields / En Flandraj kampoj. Eld. FEL, Antverpeno, 2015. 70 paĝoj, binditaj.*

Dum la 27a **Eŭropa Esperanto-Rendevuo** de la 14/15a de novembro 2015 en Stella-Plage (Norda Francio), Anne JAUSIONS gvidos dutagan atelieron pri la fama ESPERANTO-SUMOO, la plej furora ludo, kiu vere donos al vi (kaj al viaj lernantoj) la pasion legi kaj ĝui la esperantan literaturon.

Restas kelkaj lokoj, aliĝu tuj!

informoj :
http://esperanto.nord.online.fr/doc/stella2015/Stella-2015_klr_%284%20x%20A4%29.pdf

# LA PASERO DE AVINJONO KANTAS JAM 50 JAROJN

Jam 50 jarojn Mireille Mathieu staras sur la monda scenejo. Ŝi famiĝis kiel “la pasero de Avinjono”.
Preskaŭ plu nenio estas ankoraŭ kiel antaŭ kvindek jaroj. Ĉu nenio? Sed Mireille Mathieu apenaŭ ŝanĝiĝis. Ŝia paĝia hararanĝo, ŝiaj kantoj kaj kanzonoj kaj ŝia publiko restis la samaj. Tial post 50 jaroj kaj la vendo de pli ol 120 diversaj diskoj ŝi ankoraŭ ĉiam staras sur




la scenejoj de grandaj salonoj.
Kiam la dekokjara kantistino komencis sian karieron, Charles de Gaulle estis prezidento de ŝia patrio, la franca respubliko. La usona pastro Martin Luther King ĵus estis ricevinta la Nobelpremion de la Paco, kaj la Beatle-manio atingis sian kulminon. Edith Piaf estis mortinta antaŭ nelonge, kiam en 1965 Mireille Mathieu gajnis dum televidelsendo kantkonkurson per kantoj de Edith Piaf kaj preparis sin sukcedi al tiu legenda kantistino.
*Mia nomo troviĝis sur la titolpaĝo de ĉiuj ĵurnaloj,* ŝi rakontis dum intervjuo kun la *Germana Presse-Agentur* en Berlino. En ĝi oni legis: La fabelo de Mireille Mathieu. La knabino el Avinjono, kiu estas apenaŭ 1,50 m granda, estas la plej aĝa de 14 infanoj. Ŝia patro estis masonisto. Ŝi mem kiel junulino laboris en fabriko, kie oni fabrikis kovertojn. Ŝia vivo estas cindrulina fabelo, kiu ĉie vekas simpation.
*La germana publiko estas la unua eksterlanda, kiu tuj enfermis min en sia koro,* rakontas Mireille. *Mi kredas, ke mia voĉo kaj mia historio enmociigis ĝin.* Mireille komencis kanti en la germana: *Hinter den Kulissen von Paris*, aŭ *Akropolis, Adieu*. En Germanio ŝi ricevis la kromnomon “pasero de Avinjono”.
La bona rilato kun la germana publiko ankoraŭ ĉiam daŭras. *Mi kantos tre popularajn furoraĵojn en la franca kaj la germana, kiujn la publiko ŝatas kaj atendas,*» ŝi anoncis. Kaj ŝia 93-jara patrino ĉeestis ŝian elpaŝon.
Dum ŝia unua turneo, ĉio okazis alimaniere. Ŝia manaĝero igis ŝin kanti sen anonco tri kantojn en la antaŭprogramo.
*Li faris tion por kutimigi min al la scenejo,* ŝi rakontis. *Kiam hodiaŭ en Francio iu havas furoran kanton, li aŭ ŝi estas tuj ĵetita sur la scenejon kaj ne ricevas tempon lerni elpaŝi. Mi havis tiun tempon. Tiel mi lernis mian profesion. Tio kontinuas ĝis hodiaŭ. Oni neniam tute lernas ĝin.*
Danke al tiu mensostato Mathieu sukcesas interpreti kantojn en naŭ diversaj lingvoj, inter kiuj la ĉina. *La ĉina lingvo estas facila,* ŝi diras, kaj tuj kantas kanton, kiu sonas kiel la sontrako de turisma reklamo por la Regno de la Mezo.
Dum la iro de sia kariero ŝi kantis en Sovetunio, trafis en Libio la diktatoron Gaddafi kaj estis dum multaj jaroj la vizaĝo de la busto de la nacia fiktiva figuro Marianne, simbolo de la respubliko, kiu staras en ĉiuj francaj magistrataj domoj.
Cetere ŝi kantis kune kun multaj famaj kantistoj, inter kiuj Dean Martin kaj la hispana tenoro Plácido Domingo. La usonanino Lady Gaga nomis Mathieu en intervjuo grava artistino kaj grandega virino, kun kiu ŝi ŝatus labori. *Tio estus honoro por mi,* replikis Mathieu. Tial la pasero de Avinjono ĉirpadas plu en sia 68-a vivojaro.

*Grenzecho*, 26.2.2015



# LA LINKUNABLOJ DE ESPERANTO

En Amsterdamo vivis, ĉirkaŭ la fino de la 17-a jarcento, iu libristo aŭ "bibliopolo", kiel li preferis titoli sin pro sia granda amo al la latina lingvo. Lia nomo estis Cornelisz van Beughem. Tiu klerulo emis kolekti la malnovajn librojn, kaj spertinte, ke kun ĉiu jaro multe da ili malaperis pro malzorgemo, bezono de brulmaterialo, incendio aŭ inundo, li entreprenis starigi la liston de ĉiuj libroj, kiujn li posedis aŭ kies ekziston li certe konis. Tiun liston li publikigis en 1688 sub la titolo *Incunabula Typographiae*, t.e. komenciĝoj de la presarto. La libro havis grandan sukceson en la malvasta mondo de la amatoroj, kaj iom post iom la unua vorto de tiu latina titolo, kiu en la latina signifas "vindotukoj", per ia glito de la senco estis uzata por indiki malnovajn librojn mem, tiel ke nun en niaj eŭropaj lingvoj oni nomas "inkunablo" ĉiun libron presitan ĝis la jaro 1500-a inkluzive.

Nu, ofte venis al mi la ideo, ke ankaŭ nia Esperanto povas pretendi siajn inkunablojn. Evidente ne temas pri dikaj folioj, sed pri malgrandaj, malfortikaj broŝuretoj. Tamen ne estus malfacile trovi pravigojn por tiu pretendo: unue, temas pri la absoluta komenciĝo de lingvo, fenomeno unika en la homa historio; due, la libroj aperintaj en tiu lingvo iniciatis novaĵon sur la tipografia kampo, ĉar ili enkondukis iun specon de ĉapelitaj konsonantoj, kiuj ne ekzistas aliloke sub tiu formo; fine la libroj naskitaj en tiuj luliljaroj de Esperanto fariĝis tiel raraj, ke hodiaŭ ŝajne ne plu troviĝas unu sola ekzemplero de la unua eldono de la unua el ili, la rusa lernolibro de julio 1887. Petro Stojan ankoraŭ disponis unu, kiam li kompilis en la jaroj 1926-1929 sian *Bibliografion de la Lingvo Internacia*, kaj Charles Chaumette en la jaro 1960 eble posedis unu ekzempleron (aŭ ĉu la saman?), sed neniu el la du grandaj Esperantaj bibliotekoj, en Roterdamo kaj en Vieno, disponas alian ekzempleron, almenaŭ laŭ mia scio. La situacio estas iom pli favora pri la sekvantaj libroj, sed ne tia, ke ni ne devus antaŭzorgi pri konservaj rimedoj. Kaj eble la plej efika el tiaj rimedoj estas eksciti la deziron de la kolektemuloj aĉeti kaj ŝirmi ĉion, kio estas malofta kaj multekosta.

Kiujn limojn difini en la tempo al nia nova speco de inkunabloj? Mi proponas, ke sub tiu nomo oni klasu ĉiujn eldonitaĵojn antaŭajn al la publikigo de *La Esperantisto*, t.e. la 1-a de septembro 1889: ili ampleksus do la unuajn 29 numerojn de la bibliografio starigita de Zamenhof en la fino de la reeldonaĵo de la *Malgranda Vortaro por Rusoj*, sub la titolo: *Nomaro de l' verkoj pri la lingvo internacia Esperanto*, kiuj eliris ĝis Oktobro 1889. Ne ĉiuj tie registritaj broŝuroj havas la saman intereson por ni: la numeroj 6-10 prezentas nur represojn de la vortareto de la *Unua Libro*; la traduko de tiu *Unua Libro* en la hebrean kaj la jidan (n-roj 13 kaj 23) alportas nenion novan (krom, en la unua la indiko de la antaŭnomo de Zamenhof en ĝia biblia formo: Eliezer), nek tiuj en la anglan, svedan aŭ latvan (n-roj 5, 24 kaj 29); restas la verkoj de Zamenhof mem (n-roj 1-4, 11, 12, 16, 17, 18, 21); la tradukaĵoj de Grabowski (n-roj 14 kaj 19), la germanlingvaj propagandaĵoj de L. Einstein aŭ de la Klubo Nurnberga (n-roj 15, 20, 28) kaj tiu, anglalingva, de H. Philips (n-ro 22). El tiuj libretoj nur malmultaj estis, en la jaroj post la unua mondmilito, denove disponigitaj al la esperantista publiko. La unua paŝo en tiu direkto estas la iel profeta klopodo de generalo Sebert, kiu en 1925, anstataŭ prese reeldoni la *Aldonon al la Dua Libro*, preferis reprodukti ĝin fotografie, tiel evitante ĉiujn preserarojn aŭ nekonsciajn modifojn. Domaĝe ke li disponis nur pri unu ekzemplero de la dua eldono (1889); sed tia, kia ĝi estas, tiu fotoreprodukto estis tre bonvena kaj utila.
Oni revenis al la pli klasika maniero de reeldono kun la O*riginala Verkaro de D-ro Zamenhof*, kiun en 1929 kompilis D-ro J. Dietterle. Li donis al si la celon "savi tion, kio estas ankoraŭ savebla kaj savinda", kaj en sia traserĉo li pruvis admirindan dediĉitecon kaj grandan pedantecon. Sed la limoj, kiujn li mem difinis al sia kolekto, trudis al li la preterlason de gravaj tekstoj, ekzemple de la tria parto de la *Unua Libro*, de la gramatikaj ekzercoj de la *Dua Libro* ktp. Krome li ne povis tute ŝirmi sian verkon kontraŭ la demono de la preseraroj, kvankam tiu demono havas ankaŭ anĝeleskan vizaĝon por la bibliofiloj, kiuj ĝuste en tiuj preseraroj trovas la kriterion de la valoro de difinita ekzemplero: ne malofte okazas, ke la pli valora, la originala, estas karakterizita per tiaj preseraroj.
Post la gravega atingaĵo de Dietterle, oni devis atendi preskaŭ dudek jarojn por renkonti novan iniciativon sur tiu kampo. En 1948 Vilho Setälä aperigis faksimilon de la *Unua Libro por Rusoj*, kaj tiu reprodukto de verko, de kiu plu restis en la tuta mondo eble nur du ekzempleroj, estis grandega servo al la esperantologio.

Aliaj dudek jaroj pasis, antaŭ ol tiu ekzemplo estis imitita: en 1967, je la instigo de R. Haupenthal, la eldonejo *Koko*, sub la gvidado de Torben Kehlet, iniciatis la fotoreprodukton de tri verketoj de A. Grabowski: *La neĝa blovado*, tradukita el la rusa, *La gefratoj* el la germana, kaj *La nova jaro*, kune kun Janko-Muzikanto, el la pola. La eldonejo A.E. Iltis daŭrigis en la sama direkto, fotoreproduktante en 1968 la *Unua Libro por Germanoj*.

Fine, en 1973, unu fervora Japano, s-ro Itô Kanzi, kiu modeste kaŝis sin sub la pseŭdonimo Ludovikito, entreprenis refari la grandan verkon, nun elĉerpitan, de Dietterle, laŭ nova plano, kiu prezentos ĉiujn skribaĵojn de Zamenhof en ilia kronologia sekvo. Kaj inaŭgure, en unu bela kaj tre zorge presita volumo, la unua “kajero” de la iam kompletigota plena verkaro de L.L. Zamenhof, li donis al ni, por la unua fojo, la plenan tekston de la unuaj tri verkoj en nia lingvo, t.e. la *Unua Libro* de 1887, la *Dua Libro de l’lingvo Internacia* kaj la *Aldono al la Dua Libro de l’lingvo Internacia*, ambaŭ de 1888.

En postparolo la kompilinto akcentas, ke lin gvidis ne pure erudicia zorgo. Sed malgraŭ tio la reeldono de Ludovikito alportas multon, kaj antaŭ ĉio la okazon relegi sinsekve kaj oportune tiujn tri broŝurojn, tiel humilajn en ilia prezentiĝo, tiel modestajn en ilia formulado, sed tiel gravegajn pro la kvanto da estonteco, kiun ili entenas. Kaj multaj el la nunaj esperantistoj probable miros, kun kia facileco ili povas legi tiujn paĝojn, skribitajn antaŭ preskaŭ unu jarcento. Krom pri kelkaj detaloj, la lingvo restas al ni facile alirebla, simpla, klara kaj plenefika. Mi ĉiam memoras mian surprizon, kiam, juna studento, mi komencis legi la *Apologion de Sokrato*, ke Platono povis esprimi tiel altajn pensojn per vortoj tiel ĉiutagaj, tiel senornamaj, tiel travideblaj kaj, se mi kuraĝas diri tion, tamen tiel tuŝantaj. Nu, ian similan impreson mi ricevas de tiuj unuaj verkoj de Zamenhof, kiam mi relegas ilin. Danke do al tiuj salutindaj fontesplorantoj, ni povas oportune trarigardi la precipajn el tiuj inkunabloj kaj ĝuste ilin analizi.

Gaston Waringhien,
1887 kaj la sekvo, 2-a eldono, 1990

**Mogelijkheid tot belastingsaftrek**

**Dit zijn de laatste 2 maanden van het jaar 2015 waarop U een storting kan doen op rekening van de Vlaamse Esperantobond. Indien U een financieel helpende hand wil aanreiken aan jouw verenigingsleven, stort dan minimum 40 euro op rekeningnummer:**

**IBAN: BE31 4025 5105 3155**
**BIC: KREDBEBB**
**van Vlaamse Esperantobond, FEL**
**Frankrijklei 140**
**2000 Antwerpen**
**Gift**

**Op deze manier worden wij en U er beter van. Nog gedurende 3 jaar beschikt FEL over de mogelijkheid om voor dit bedrag een financieel attest te sturen. Dit attest kan U dan in 2016 inbrengen bij uw belastingsaangifte onder de rubriek “giften”. Vadertje Staat stort daarvoor 25 euro terug als belastingsvoordeel.**
**Bij voorbaat van harte dank !**





# CLUBPROGRAMMA'S

Tenzij anders vermeld zijn alle vergaderingen gratis en voor iedereen toegankelijk. Let wel dat de meeste activiteiten in het Esperanto plaatsvinden. Uiteraard zijn we steeds bereid geïnteresseerde bezoekers in het Nederlands te woord te staan.

**ANTWERPEN – La Verda Stelo, Esperanto Antwerpen vzw**
Alle programma's hebben plaats in het *Esperantohuis*,
Frankrijklei 140, 2000 Antwerpen, in het clublokaal op de eerste verdieping. De clubavond begint om 20 u. Iedereen is welkom. Elke vrijdagavond is er een bijeenkomst.
Het programma zal tijdig verschijnen op volgende webstek:
http://esperanto-antwerpen.weebly.com/.
*vrijdag 6 november*: kukurba vespero; Nicky Janssen
*vrijdag 13 november:* bondezirkartoj: kiel mem fari ? Leontine Janssens
*vrijdag 20 november:* Bernard Regis Larue prezentos pri: Nanoplanedoj
*vrijdag 27 november:* Lydia Buyst: Artaj bildoj kaj komentoj pri UK kaj la urbo Lille ; Patrick Boets pri Doel, la nuna stato kaj la argumentado de oponantoj
*vrijdag 4 decmber:* malferma estrarkunsido
*vrijdag 11 december:* Nicky Janssen: Kiel interesege rakonti historiojn ?
*zondag 13 december:* Infanfesto. Se vi havas infanon au nepon nepre anoncu ties partoprenon kun mencio de nomo kaj aĝo (financoj@fel.esperanto.be aŭ tel.: 03 234 34 00). Se vi konas alian amikon de nia klubo kun infanoj, instigu ilin por partopreni. La ĉeestintoj de pasintaj jaroj tre ĝuis tiujn kunvenojn.
*vrijdag 18 december:* Zamenhoffesto
*zondag 25 december*: klubejo fermita

**BRUGGE- Paco kaj Justeco**
Geen samenkomsten voorzien in de komende maanden.

**BRUSSEL – Esperantista Brusela Grupo**
www.esperantobruselo.org
Vergaderplaats: *gebouw Van Maerlant* (hoek van de gelijknamige straat en de Belliardstraat, tegenover het Leopoldpark, dicht bij het metrostation Maalbeek). Elke woensdag van 18 u.30 tot 20 u.00.
Aangezien dit gebouw tot de Europese Instelling behoort, is er een vrij strenge controle. Bezoekers gelieven zich op voorhand aan te melden.
Contact: Françoise Pellegrin,
**Nova kursejo kaj prelegejo**
Ekde tiu ĉi sezono (de la 16a de Septembro kaj dum la oficiala lerneja kalendaro) niaj kursoj kaj prelegoj plu okazos *merkrede vespere* (18 u.30-20 u.00) sed en la salonoj Casablanca I & II de la Kultura Centro De Pianofabriek, Rue du Fort 35 Fortstraat en 1060 Sankta-Giliso, Sint-Gillis je 250 m de la stacio "Parvis de St-Gilles-St-Gillis Voorplein" (tramo 3, 4 kaj 51).
e-mail: fransuaz@esperantobruselo.org - tel.: 02 / 358 27 28.

**DILBEEK**
Konversacia rondo, plej ofte la *unuan sabaton* de la monato, *Ontmoetingscentrum Westrand,* Kamerijkstraat 46, 1700 Dilbeek, ekde 14 u.00 ĝis 16 u.00 en salono club 1.
Pro organizaj kialoj bonvolu anonci vin ĉe Lydia Buyst.
Por pliaj informoj: Lydia Buyst 054 / 33 01 51; www.westrand.be.

**GENT – La Progreso**
http://www.esperanto./gent
Iedere *vierde vrijdag* van de maand is er een clubvergadering in ons lokaal *La Progreso* , Peter Benoitlaan 117, 9050 Gentbrugge.
Inlichtingen bij Katja Lödör, tel 19 / 230 16 77 of 09 / 221 10 02.
*Vrijdag 27 november*: Marc Vanden Bempt presenteert: "De Hongaarse ziel verklaard aan de hand van hun popliederen".
*Vendredo la 27an de novembro*: Marc Vanden Bempt prezentos: "La hungara spirito klarigita per iliaj popkantoj.

**Kalmthout- La Erikejo**
http://users.telenet.be/La.Erikejo/index.htm
La kunvenoj de La Erikejo okazos kiel kutime en la *Parochiecentrum* de Heide, inter la 20-22aj horoj.
*Jaŭdo la 19-an de novembro* (2015-11-19), Johan sufiĉe ofte vizitas la plej belajn ejojn de nia kontinento, kaj feliĉe por ni, li raportas al ni pri liaj travivaĵoj montrante liajn plej belajn fotografaĵojn, tiu ĉi fojo laŭ la devizo: "Porto, malriĉa sed gastema"! Johan bezoekt geregeld de mooiste plaatsen van ons continent, en gelukkig voor ons, brengt hij ook telkens verslag uit over zijn wederwaardigheden, waarbij hij ons laat genieten van zijn mooiste foto's, deze keer onder het motto : "Porto, arm maar gastvrij"!

**KORTRIJK- Koninklijke Esperantogroep La Konkordo**
www.esperanto-kortrijk.info.
Maandelijkse bijeenkomst in *Erfgoedhuis*, zaal Lessius, eerste verdieping, O.L.Vrouwstraat 45, Kortrijk (tel. 056 / 27 74 24) elke vierde dinsdag van de maand van 19 u.30 tot 21 u.30. Indien de vierde dinsdag een feestdag is, dan op de derde dinsdag.
Contact via e-mail piet.glorieux@gmail.com en esperantokortrijk@hotmail.com.

**LEUVEN – Vespero 3000**
http://www.esperanto.be/esperanto3000.
De bijeenkomsten hebben plaats in het *Cultureel Centrum. Romaanse Poort*, Brusselsestraat 63 , 3000 Leuven, vanaf 19 u.45; de lezingen beginnen om 20 u.00.
*Woensdag 18 november*: daŭriga kurso - vervolgcursus (Ivo Schenkel)
*Woensdag 9 december:* Prelego - voordracht in het Esperanto "Ĉu ni bezonas energion?" (Martin Decaluwe)

**OOSTENDE -La Konko**
Elke *maandag* 14 u. - 16 u. : gespreksnamiddag
*woensdagen 25 november - 9 en 23 december:* 18 u. - 20 u. : gepreksavond
*zondag 13 december*: Zamenhoffeest (meer info via www.lakonko.be)
Pliaj informoj: Marc Cuffez (flandrio@hotmail.be) of Flory Witdoeckt (flory2@witdoeckt.be) of www.lakonko.be
***Opgelet: nieuw lokaal*** Ontmoetingscentrum De Boeie, Kerkstraat 35 (2de verd. met lift)

**PEER -Limburga esperanto-Asocio**
La kunvenoj okazos en la *Kultura Centro* de Peer je la 8-a vespere.
Gespreksnamiddag : *elke maandag* 14-16 u.
*donderdag 13 december*: Zamenhoffeest (taverne 'Torenhuis', Kerkstraat te Peer )

**TIENEN – La Hirundo**
htttp://www.lahirundo.be
Info: Bert Boon, Merelhof 8, 3300 Tienen,tel.: 016 / 81 52 46,
bert.boon@skynet.be of post@lahirundo.be
Bijeenkomst (Vespero): elke l*aatste maandag van de maand*. Programma op aanvraag.

ISSN - 0772 - 540 afgiftekantoor Antwerpen X
Tweemaandelijks tijdschrift
p/a Vlaamse Esperantobond 140
2000 Antwerpen



## Contactadressen in Nederland

http://www.esperanto-nederland.nl/ned/regionale-groepen.php

**ALKMAAR**
Marijke Lathouwers, Kruiszwin 1205 NL-1788 LE Den Helder
tel. +31(0)223-643781, esperanto.alkmaar@gmail.com

**EINDHOVEN**
Jeannette Bosse Veld, Montgomerylaan 361 NL-5612 BH Eindhoven,
tel.+31(0)402 113 344, jeannette.bosse@tiscali.nl

**FRIESLAND**
*Frisa Esperantista Rondo*, Wiebren Akkerman, Westerein 14a
NL-8571 GB Harich, tel.+31(0)514 602 272, wiebrenakkerman@hetnet.nl

**GRONINGEN & DRENTE**
Nelly Kiel-Klunder, G. Sterringastraat 60 NL-9728 VV Groningen,
tel. +31(0)505 251 436, nrkielklunder@hotmail.com

**HAARLEM**
Corrie Kwantes, Marnixstraat 57 NL-2023 RB Haarlem,
tel. +31(0)235 276 561

**HELMOND**
Toine Gremmen, Nassaustraat 3 NL-5707 HL Helmond,
tel. +31(0)492 544 472, info@twangremmen.nl

**NIJMEGEN**
*Klubo Zamenhof* ,Jan Bemelmans, Zwanenveld 2287
NL-6538 PS Nijmegen, tel. +31(0)243 882 926

**ROTTERDAM**
*Esperantoclub Merkurio* , Atie van Zeist, Park Vossendijk 331
NL-3192 XG Hoogvliet, tel. +31(0)104 161 449, moerbeek@gmail.com

## Andere nuttige adressen

**Vlaamse Esperantobond / Flandra EsperantoLigo**
Frankrijklei, 140, B- 2000 Antwerpen, tel. 03 / 234 34 00
info@fel.esperanto.be, www.esperanto.be

**Vlaamse Esperanto Jongeren Vereniging / Flandra Esperanto Junulara**
Asocio p/a Frankrijklei 140, B2000 Antwerpen. Tel.: 03 / 234 34 00
fleja@esperanto.be

**ILEI-Belgio (Esperanto leraars)**: Marc Cuffez, Elisabethlaan 295, 8400 Oostende,
tel.: 0486 / 36 23 65, marc.cuffez@telenet.be

**Esperanto Scoutsvereniging/Skolta EsperantoLigo (SEL)**
Stein Hautekees, Rue des Rèches 20, B-5530 Yvoir,
post@sel-belgio.be , www.sel-belgio.be

**Verdaj Skoltoj**
ruelle de Thuin 20, B-6540 Lobbes, tel. 071 / 16 53 95 kaj 0485 / 517 552
info@verdajskoltoj.net, www.verdajskoltoj.net

**Association pour l'Esperanto**,
p/a Marcel Delforge, rue des Glacières 16, B6001 Charleroi (Marcinelle), tel. + fax:
071 / 43 14 13, mardelforge@brutele.be, http://esperanto-wallonie.be/

**Belga Esperanto Fervojista Asocio (Spoorwegesperantisten)**,
Lucien De Sutter, Stockholmstraat 49 bus 2, 8400 Oostende,
tel. 059 / 50 18 25

**Esperanto Nederland,** secretaris, p/a Ineke Emmelkamp
Arubastraat 12, 9715 RW Groningen, tel. 050 / 571 88 42,
info@esperanto-info.nl

**Hoofdkantoor van de Esperanto WereldVereniging/Centra Oficejo de UEA**
Nieuwe Binnenweg 176, NL3015 BJ Rotterdam,
tel.: 00 31 / 10 436 10 44, uea@inter.nl.net

## Bestuursleden van FEL

| | |
|---|---|
| *Voorzitter*: | Ivo Vercammen |
| *Ondervoorzitter*: | André Staes |
| *Secretaris:* | *Nicky Janssen* |
| *Penningmeester:* | Marc Cuffez |
| *Bestuursleden:* | Griet Symoens, Cyreen Kockaert, Eddy Van den Bosch<br>Henri Schutters |

## Contactadressen in Vlaanderen

**ANTWERPEN**
Esperanto-Antwerpen, p/a Frankrijklei 140, 2000 Antwerpen,
tel. 03 / 234 34 00, esperanto-antwerpen@esperanto.be
*La Verda Stelo*: jakvoschram@telenet.be

**BRUGGE**
*Paco kaj justeco*, Heidi Goes, Assebroeklaan 2, 8310 Brugge,
tel. 050 / 67 51 78, heidi.goes@gmail.com

**BRUSSEL**
Françoise Pellegrin, Eiklaan 14, 1640 St-Genesius-Rode,
fransuaz@esperantobruselo.org, tel. +32 2 358 27 28
Laurent Loisse, Tir-aux-Pigeons 95 1150 Bruxelles,
tel. 02 / 770 11 71, sekretario@esperantobruselo.org

**GENT**
*La Progreso,* Katja Lödör, Peter Benoitlaan 117, 9050 Gentbrugge,
tel. 09 / 230 16 77, gent@esperanto.be

**KALMTHOUT**
*La Erikejo*, Mireille Smet-Storms, Dogulaslaan 14, 2950 Kapellen,
tel.: 03 / 666 83 19, mireillestorms@hotmail.com

**KORTRIJK**
*La Konkordo*, Piet Glorieux, Pastoor Blanckestraat 8 bus 0201,
8610 Kortemark,
tel.: 051 / 62 39 28, piet.glorieux@gmail.com,
Jean-Pierre Allewaert, Tarwelaan 10, 8500 Kortrijk,
tel. 056 20 07 96, esperantokortrijk@hotmail.com

**LEUVEN**
*Esperanto 3000*, Roger Goris, Rue Ménadastraat 44, 1320 Hamme-Mille,
tel. 010 / 86 01 12, goris.r@skynet.be

**LIMBURG**
*Limburgse Esperantovereniging*
Henri Schutters, Panhovenstraat 10, 3930 Peer,
tel. 011 / 63 55 92, henri.schutters@skynet.be

**DILBEEK**
Lydia Buyst, tel. 054 / 33 01 51, lydia.buyst@scarlet.be

**OOSTENDE**
*La Konko*, Marc Cuffez, Elisabethlaan 295, 8400 Oostende,
tel. 0486 / 36 23 65 (gsm), marc.cuffez@telenet.be

**ROESELARE / TIELT** zie **KORTRIJK**

**TIENEN**
*La Hirundo* <http://www.lahirundo.be> Info: Bert Boon,
Merelhof 8, 3300 Tienen, tel. en fax: 016 / 81 52 46, post@lahirundo.be
Bijeenkomst (Vespero): elke laatste maandag van de maand (behalve juli en augustus). Programma op aanvraag.
Info: Bert Boon, Merelhof 8, 3300 Tienen.

**TURNHOUT**
Maria Dom, Tuinbouwstraat 14, 2300 Turnhout,
tel. 014 / 41 72 92, de.groot-dom@telenet.be

**Met steun van de Vlaamse Gemeenschap: giften van minstens 40 euro zijn fiscaal aftrekbaar van belastbaar inkomen**